# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 10/06/2012 Kvindekdua Eldono 2012 10/06/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas “hiperligilojn” al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la kvinaj kaj dekaj eldonoj

**GRAVAJ DATOJ** (se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012, ? **(Ne estas fine decidite)**

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.?

**E-Vintro-Evento** okazos en Adelajdo kaj apuda Sheidow Park Ŝtat-Lernejo ekde la vespero de vendredo la 8a ĝis la vespero de lundo la 11a de junio 2012 (la naskiĝdatreveno de la Reĝino)

**Esperanto** havos 125 jarojn la 26an de julio, 2012

# La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

## Reklamu viajn proponojn en “Aŭstraliaj Esperantistoj”

Se la esperantaj direktoroj povas doni siajn pensojn pri la sekvantaj

- **(1) Malfermiteco**
- **(2) Kondiĉoj de aliĝo**
- **(3) Somerkursaroj**
- **(4) Libroservo**
- **(5) Mondeto**
- **(6) Retpaĝaro**
- (7)**Projektoj**
- **(8) Aliĝkosto**
- **(9) Aliaj?**



Membroj bezonas informojn por scii por kiu voĉdoni.

# La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Kam Lee** | Administra Direktoro
**Suzanne Corry** | Financa Direktoro
**Jennifer Bishop** | Direktoro de Edukado
**Yaw Ampomah Badu**| Direktoro de Utiligado
**Richard Delamore**| Direktoro de Informado
**Crystal Hill** | Direktoro de Membraj Servoj

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

Gordon Coleman
Indrani Beharry-Lall
Kam Lee
Sandor Horvath

Kaj kompreneble tiuj de la nuna Estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro.

# Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?

La listo de kandikatoj ne estas fermita.
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel membron, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

## Postulo de voĉdonaj rajtoj (Matt Maguire Eksprezidanto de AEA)

Saluton Roger!

Estas longa tempo, ĉu ne? Mi legis vian novaĵan leteron kun intereso, kvankam mi ne plu estas membro de AEA.

Rilate al la komentoj de Gordon Coleman pri reguloj por voĉdonado, la propono de la prezidanto ja estas kontraŭ la statuto de AEA -- nuntempe, la sola postulo de voĉdonaj rajtoj estas esti plena membro,

kaj ne gravas kiom da tempo antaŭ la voĉdono okazis la membriĝo. Sed, por membriĝi, necesas submeti skribatan peton, kiu la estraro devas aprobi aŭ malaprobi. Se oni atendas ĝis komenco de kunveno antaŭ ol peti membriĝon, povas esti ke la estraro ne aprobos la peton antaŭ la voĉdonado, do pro tio estos saĝe membriĝi pli frue.

Se la prezidanto ja volas enkonduki tian novan regulon, necesas ŝanĝi la statuton, kiu postulas ke ŝi kreu specialan rezolucion kiu estas akceptata de tri kvaronoj de la voĉdonantoj. Ĉar mi ne estas membro de AEA, mi ne scias ĉu ŝi jam disdonis oficialon anoncon de rezolucio tia. Interesas al mi kiel aspektos la nova statuto. Efektive, enkonduki tian regulon estas enkonduki novan "provaĵan" klason de membreco. Kiuj precize estas la rajtoj de tiaj provaĵaj membroj? Kompreneble, la nova statuto devas klarigi tiun punkton.

Mi antaŭĝojas ricevi estontajn ekzemplerojn de via novaĵa letero.

Amike,
Mateo. Matt Maguire <matthew.maguire@gmail.com>

## La Kontrakto de Penny Vos? Richard Delamore AEA

Saluton Gordon kaj aliaj legantoj,
Mi ne scias ĉu vi intence misinformas la publikon aŭ honeste ne scias pri la kontrakto skribata inter AEA kaj Penny Vos. Eĉ Penny ne scias pri ĝi, tamen ekde nun mi supozas, ke ŝi scios. La kontrakto en ĝia baza formo estas tiel... ni AEA konsentas plu pagi ŝin ĝis la 2013-a financa jaro. Tamen ni nur faras tion laŭleĝe, ĉar se la venonta Estraro ne volos plue dungi Penny, tiam ili simple devas sekvi la kontrakton kaj doni al ŝi unu monaton de antaŭaverto. Ĉar la kontrakto diros, ke ni jes ja laŭleĝe dungas ŝin, tamen se la venonta Estraro volas ĉesigi ŝian dungiĝon, ili devas informi ŝin unu monaton antaŭ ol ŝia finiĝa dato. Mi esperas, ke tiu ĉi malfermigas la okulojn de la publiko, kaj vi Gordon. AEA ne volas kateni la venontan estraron, tamen ankaŭ ni devas pensi pri la situacio de Penny, ŝi estas dungita de AEA... kaj ĝis nun, ne posedas laŭleĝan kontrakton.
Riĉardo Richard Delamore <r_delamore@hotmail.com>
Direktoro de publiko
Aŭstralio Esperanto Asocio

Laŭ mia kompreno de leĝoj kontrakto ekzistas aŭtomate. Tute ne necesas skriba kontrakto. Se vi donas monon al iu ekzistas leĝa kontrakto inter vi kaj tiu persono. Nicole

**Ree Svetislav Kanaĉke:** Koncerne AEA direktoraj intencoj

Mi esperas ke mi ne altrudas iujn per miaj rimarkoj kaj konsiloj: Se hazarde tio estas, mi pardonpetas al ĉiuj.

Dankon pro publikigo de mia mesaĝo. Legante eldonon 51, 5a Junio 2012: Rimarko al letero sendita de Gordon Coleman: je punkto 1. pri la nuna Prezidanto: Ĉu tio estas decido de komitato aŭ persona volo, enkonduki regulon, limigi daton por membriĝi ĝis la 30a de Junio. Je tio mi respondas jenon: ke nuna estraro publikigu tion, kion AEA estraro ĝis nun faris kaj la proponojn pri tio kion ili intencas fari la sekvajn 2 jarojn. Por ke nunaj membroj povu pritrakti ankaŭ la pasintajn kaj la venontajn proponotajn planojn, por ke eventualaj voĉdonontoj kaj nunaj membroj sciu je kiuj kondiĉoj remembrigi eksajn malmembriĝintojn. Konvinku, donu al ili la esperon pri la malfermo de matura komunikado kaj debato.

Punkto 2. Surprizis min multege: Kio signifas la vorto "MONDETO"? Eble ĝi estas klara por nunaj membroj, sed ĉu eventualaj novaj kaj realiĝontoj ne rajtos scii, pri tiuj agadoj de la eventuala nova estraro de AEA? Ni devus scii pri ĝi.
Fine ĉu ESPERANTO estas komerco, aŭ LINGVA MOVADO?
Ĉu la nuna AEA estraro, ne lernis de la pasinta sperto? Ne donu ŝancon al la eventualaj disputoj sed havu maturajn diskutojn "VEKIĜU".
Svetislav Kanaĉki

Mi kredas ke MONDETO estas komerca firmao de Penny Vos.
Ĉu mi malpravas? Roger Springer

**Malgranda Lingva Leciono** Vidu en la surreta PIV.

Kio estas paragrafo? "Ĉiu el la sekcioj de ĉapitro, en jura aŭ didaktika teksto, ordinare montritaj de aparta signo (§ aŭ ¶) aŭ de cifero"

Kaj kio estas alineo?

"Peco de teksto, normale konsistanta el pluraj frazoj, komenciĝanta per nova linio k ofte distingita de aliaj alineoj per vertikala spaco"

Amike, Nicole Nicole Else nicole@cryogenic.net

**Se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar la morto atendas vin. Ne**

**ĉagreniĝu! sed Parolu! Skribu!**

## ‘Aŭstraliaj Esperantistoj’ demandaro de legantoj

Mi tre dankas al la 9 esperantistoj kiuj respondis al la demandaro. Eble iuj pliaj deziros tion fari. Ne estas tro malfrue http://www.surveymonkey.com/s/QCH88WQ
La demandaro havas nur 9 demandojn kaj do ne necesos longa tempo.
La respondoj estas anonimaj. Dankon al tiuj kiuj respondis/respondos
Venontsemajne eble mi skribos ion pri la rezultoj. Amike, Nicole
Antaŭdankon Roger Springer

# Nia amiko Ivan Heldzingen



Multaj Esperantistaj amikoj petas informon pri Ivan. Oni daŭre traktas lin pere de kemioterapio kaj liaj tagoj povas esti malbonaj sed ofte iom pli bonaj. Lia spiritstato restas pozitiva kaj li esperas viziti Vietnamujon por ĉeesti la UK en Julio. Do dankon por la bondeziraj mesaĝoj li ricevas, ili estas tre valoraj por ni.

Heather Heldzingen

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj. En Esperanto mi petas. Roger Springer rspring@tpg.com.au

**Vortoj de “Lernu”** Plenigaĵo de paĝo

EKSPLIKI
Klarigi kaj komprenigi ion, montrante ĝian signifon, ĝian naturon, ĝiajn kaŭzojn aŭ motivojn:
Ŝi kun plezuro eksplikis al mi malfacilan tekston.
Ĉu iu povas ekspliki tion?
Eksplika vortaro.
Lia ekspliko tute ne estas klara.
Tio povas eksplikiĝi kiel rezulto de kultura disvastiĝo.
Ties komprenebleco devas eksplikiĝi.